VIa jaro. — No 79 | Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) | 5 Junio 1910

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro :* ***HECTOR HODLER***

**ABONO**

Jara Abono. . . . . . . . . . . . . . . . . 1,60 ₷ (4 frankoj)

La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato. Oni akceptas nur unujarajn abonojn. Oni abonas ĉe la Administrejo, Esperanto-Oficejoj kaj lokaj Agentoj.

**Redaktejo & Administrejo :** *10, rue de la Bourse,* **GENÈVE (Svisujo).**



## Dum la lasta duonmonato

**La nombro de la Esperantianoj atingis 7.000. Ni rapidu al la oka milo !**

**Oni legu pli sube la programon de la festoj de nia Aŭgsburg'a Kongreso.**

**Sukcesplena kongreso de la Bourgonja Esp. Federacio okazis la 21-22 majo.**

**La IIIa kongreso de la Rodana Esp. Federacio okazos la 19 junio,**

## Por nia Kongreso !

Post apenaŭ du monatoj okazos la unua kongreso de U. E. A.

Decidante organizi sian propran kongreson, nia Asocio cedis al la deziroj de multaj samideanoj.

Estas nun necese, ke kiel eble plej multenombraj Esperantianoj respondu nian alvokon kaj partoprenu en tiu unua publika manifestado de nia Asocio, kiu nedubeble povas esti tre grava por la realiĝo de nia ideo.

Grandaparte de la multnombreco de la ĉeestantoj dependas la sukceso de la kongreso. Ni ne bezonas rememorigi, ke nia Esperantia kongreso estas difinita ne nur por Delegitoj, sed ja ankaŭ por *ĉiuj* Esperantianoj, kiuj tre povos, en plena rajtegaleco esprimi siaj ideojn kaj dezirojn pri la diskutotaj temoj. Ĝi devas esti kiel publika kuniĝo de l'Esperantia popolo, el kies voĉo la komitato ĉerpos la necesajn montrojn por fiksi la detalojn de nia agado dum la monatoj sekvontaj.

Multaj, diversaj kaj gravaj estas la demandoj pritaktotaj. La ĉeestado de kiel eble plej granda nombro de Esperantianoj do ne estos superflua.

Sed la kongreso utilas ja ne nur por diskuti organizajn demandojn aŭ esprimi dezirojn. Ĝi ankaŭ devas esti festo — ne solena, oficiala demonstracio, kiu nur malhelpus liberan komunikiĝon inter kongresanoj — sed bonhumora, frata, samideana manifestado, dum kiu plektiĝos ligiloj de amikeco inter ĉiulandaj Esperantianoj, dum kiuj interŝanĝiĝos fruktodonaj ideoj kaj sentoj, konkretiĝos la interna ideo de Esperantismo.

Oni scias, kian signifon por Esperantismo havis la unua Bulonja kongreso. Saman rolon rilate al U. E. A. devas havi nia Augsburga kongreso.

Tion ni povos atingi nur se nin helpas per sia ĉeestado ĉiuj samideanoj.

La programo de la laborkunvenoj kaj amuzajoj jus estis publikigata. La prezoj de la loĝado kaj ekskurso estas konataj. Ĉiu tuj de nun povas precize difini sian buĝeton kaj sin pretigi por la veturo al la kongreso. Dum kaj post la kongreso, ĉiu havos la eblecon en plej bonaj kaj nefacile retroveblaj kondiĉoj fari ekskursojn en famaj lokoj de pentrinda Bavarujo. Neuschwanstein, München, Oberammergau, Bavaraj Alpoj, jen estas tiom da allogajoj, kiuj, aldonitaj al la plezuro samtempe utila renkontiĝi kum ĉiulandaj samideanoj, devas decidigi la personojn ankoraŭ hezitantajn.

Ĉar tiun ĉi jaron ne okazas en Eŭropo Esperantista kongreso, ĉiuj personoj, kiuj kutimas ĝin viziti kaj ne povas veturi Washingtonon, havas la devon veturi Augsburgon, kiu prezentos ĉiujn kutimajn allogajojn kaj utilajojn de la Esperantistaj kongreso, tiom pli ke jam diversaj fakaj societoj ankaŭ uzos tiun okazon por kunveni.

Oni do jam ne hezitu. Por faciligi nian taskon, oni rapidu sendi sian aliĝilon. Niaj Delegitoj instigu siajn membroj mentri al nia Asocio pruvon de intereso ĉeestante en la Augsburga kongreso. Niaj distriktaj Delegitoj klopodu por aranĝi komunajn vojajojn al la kongresurbo. Nur per ĉies penado kaj helpado ni atingos grandan rezultaton.

Ni kun konfido adresas tiun alvokon al la Esperantianoj kaj ne dubas, ke ili favore respondos ĝin per faktoj, t. e. alveturante Augsburgon en kiel eble plej imponanta anaro.

U. E. A.

## SOCIA VIVO

### EKSPOZICIOJ

#### Ekspozicio de Mahometana arto München 1910

Kaŭze de la pretigota « Ekspozicio München 1910 », kiu alportos precipe majstrajn verkajojn de mahometana arto, ŝajnas konvene pripensi, kio estas komprenota kiel mahometana arto kaj kiujn fakojn tiu ĉi arta kaj kultura epoko, nur iomete konata, enhavas.

Ofte oni trovas la opinion, ke la « Ekspozicio München 1910 » estas precipe tapiŝa ekspozicio. Tiu opinio estas karakteriza, ĉar ĝi certigas, ke vastaj rondoj ne sufiĉe taksas la multflankecon de la mahometana arto. La laiko konas el la artobjektoj de la Oriento per sia propra rigardo nur la produktajojn de la tapiŝa arta industrio kaj sekve precipe havas la opinion, ke tiu arta branĉo reprezentas la tutan mahometanan arton.

Certege la fabrikado de multkostaj tapiŝoj kaj silkaj ŝtofoj atingis jam en malnovaj tempoj en la Oriento tian gradon de perfekteco kaj beleco, kian neniu alia lando superis, kaj la multekostaj produktajoj de la orienta tapiŝfarado sendube formos ĉefan allogilon de la « Ekspozicio München 1910 », kiu ankaŭ klarigos tiurilate, montrante kiel diferencas la belegaj artobjektoj, kiu (escepte malmultaj ekzempleroj) troviĝas nur en Oriento, kontraŭ la plimulto de la « Persaj tapiŝoj » elmetitaj en la paradaj fenestro kaj la salonoj.

Sed la mahometana arto neniel estas tiel unuflanka, ke oni estus rajtigata konsideri la ekspozicion de majstraj objektoj de mahometana arto resume kiel tapiŝan ekspozicion.

Ni elprenu foje la aliajn plej gravajn artbranĉojn; jen estas citota la miniatura pentrarto, la keramiko, la armila kaj la metala industrio ; jen ni trovas tiajn manpentritajn manuskriptojn de malofta beleco, artplenajn librobindojn kiaj neniam estas viditaj en Eŭropo, tial ke ili estis kaŝataj en la monaĥejoj kaj ŝtataj bibliotekoj. La delikategeco de la ligno- kaj eburoskulptajoj kaj de la lakofarajoj ne povis esti atingita de okcidentaj majstroj, kaj la orientaj metiistoj, kiuj malfaldas sian interesplenan kaj artan agemon, alportas la pruvon, ke en la nuntempo ankoraŭ la metio en Oriento troviĝas sur tia alto, kian ni ne ĉiam estas kapablaj atingi.

La « Ekspozicio München 1910 » — kaj tio estas atentota — volas montri kaj alproksimigi al ni arton, kiu estis al ni fremda teritorio koncerne ĝia plena beleco kaj diversas. Ĝi malfaldas al niaj rigardoj la Orientajn trezorojn, kies ekziston ni ne sciis, kiuj parte neniam estis publikaĵoj, sed kiuj simple estis konservataj kiel altaj sanktaĵoj en la moskeoj kaj monaĥejoj aŭ ripozis kiel familiaj heredaĵeroj en la kasteloj de la orientaj regnestro. Nur al la revolucio, kiu okazis lastatempe en la orientaj landoj, estas ŝuldata, ke tiaj trezoroj estis gajneblaj por la « Ekspozicio München 1910 ».

Ne nur la fakisto, ne nur la artisto, rigardante tiujn ĉi majstrajn faraĵojn de mahometana arto, trovos, ke lia espero estas plenumata, sed ĉiuj, kiuj havas ĝojon je vera arto kaj komprenon je la antikvaj produktaĵoj de la landoj kaj de la popoloj kies pompamo jam estas rakontata de la fabelaj « mil kaj unu noktoj » al ni en nia infaneco. Tiu ĉi fabellando malfaldas siajn trezorojn al niaj okuloj kun la proverbigita « orienta pompo » kaj nia spirito, admirante ilin, troviĝos transportita en la fabela tempo de la kalifoj.

E.-C. Leu (Fürth).

#### La ekspozicio de motorboatoj kaj motoroj en Berlin.

Jen ili ĉiuj renkontiĝis : la sportamantoj, kiuj dediĉas sin al la surakvaj sportoj, kaj la inĝenieroj por motorfabrikado, kiuj parte ŝuldas sian ekziston al tiu fako de la sporto, parte interesiĝas speciale por la konstruado de motoroj. Okazis de la 19. Marto ĝis la 3. Aprilo la « Internacia Ekspozicio por motoroj kaj motorboatoj, en la grandegaj haloj apud la « Zoo ». Tiuj haloj estas konstruitaj antaŭ kelkaj jaroj kun la celo, ke en ili trovu decan lokon metiaj, industriaj aŭ artaj ekspozicioj — kelkfoje tamen eĉ gajaj festoj kaj baloj. Sed al tiu lasta ekspozicio ne nur venis pomile scivolaj Berlinanoj kaj germanoj, sed rimarkinda nombro da vizitantoj fremdlandaj. Favorita de belega vetero, la ekspozicio esti vizitata de dek miloj da personoj, tiel ke la multaj tramveturiloj, la fervojo kaj la subtera tramvojo apenaŭ sufiĉis ilin alkonduki.

La ekspozicio entenis specialan sekcion por la aerveturada industrio, kiu estis eble plej admirata de scivoluloj kaj vizitata de aĉetantoj. Ekzemple estis vendata granda nombro da flugmotoroj al Rusaj firmoj — pruvo ke oni dediĉas sin tie serioze al la aerveturada sporto. Tiu fakto estas tute komprenebla se oni konsideras, ke la uzebleco de flugmaŝino kontraŭe al tiu de l'aŭtomobilo neniel dependas de ekzisto de stratoj sed sole de stacioj. Tiaj stacioj povus certe esti facile aranĝataj en la vastaj ebenaĵoj de la rusaj stepoj, pri kies grandegeco ni okcidentuloj apenaŭ havas imagon, sed kiuj estas la vere taŭgaj lokoj por praktika uzado de la flugmaŝinoj.



Motorgliveturilo

Eble en estonto ne tro malproksima efektiviĝos imago sekvanta : Giganta birdo, rondfluganta majeste super la stepo, donanta konstante signalojn, kiam parto de la tie paŝtantaj brutaroj ekgalopas, por serĉi nutraĵon en alia loko — Jen ĝi preskaŭ nevidebliĝas en la sennuba tremanta aero, jen ĝi malleviĝas por gliti fantome en alteco de nur malmultaj metroj super la tero, kvazaŭ ĝi intencus, kiel fabela rabobirdo, forkonduki en senmezuran malproksimon unu el tiuj kolosaj bovoviroj. Tiel ĝi ĉirkaŭflugas la brutaron multajn horojn, fine malleviĝante por repreni nutraĵon por la motoro. Estas aeroplano, direktata de inĝeniero kun kelke da helpantoj, kiuj dum veturado atente notas ĉion pri la stepoj superflugitaj kaj la brutaroj paŝtantaj sur ili. Sed tio nur estas escepta uzo de la flugmaŝino. Ĝenerale ĝi servas por interkomunikiĝo inter la bienoj de la posedantoj kaj la domoj de iliaj mastrumantoj en la paŝtejoj, ofte malproksimaj okdekon da kilometroj de la centra loko. Aliaj aeroplanoj prizorgas la interrilatojn kun la urboj, kies malproksimeco post eltrovo de la flugaparatoj estas multe malpli malhelpa.

En veturilejo oni montras al ni nombron da motorglitveturiloj, kiuj en vintro ebligas sur la senfinaj ebenaĵoj veturojn de pli ol 80 km. hore.

Sed ni revenu al nia ekspozicio ! En la sekcio por motorboatoj partoprenis per tre zorge fabrikitaj grandaj jaĥtoj kaj motoroj. La N. A. G. (Neue Automobil-Gesellschaft), kiu krom pasaĝerboatoj kaj diverssistemaj motoroj elmontris motoron por flugmaŝinoj, kies tipo estas plibonigita el tiu, kiun Wright originale uzis. Ĝia pezo atingas ĉe 32 P. S.. nur 90 kg. preta al funkcio ; la konsumo de benzino malpliiĝis de 360 ĝis 280 g. po P. S. kaj horo. Malgraŭ la alta prezo (3.500 ₷) pluraj el tiuj maŝinoj estas vendataj. Multe da interesajoj enhavis la ekspozicio de la jaĥtkonstruejo De Oertz-Hamburg, la sama kiu en Februaro sukcesis flugi kelkfoje en la « Lüneburger Heide » Malgranda jaĥto kun motoro de Daimler-Unterturkheim, el mahagona ligno kun rimarkindaj latunaĵoj, destinata por la persona uzo de la germana imperiestro, incitis la atenton per la zorgemo, dediĉita al ĝia interna aranĝo. Apude troviĝis fabrikaĵoj de la mondfama firmo Ricochet-Kœchlin, el Neuilly (Francujo). La boato por vetveturoj kun 100 P. S. Panhard motoro kaj la konstruo de tiu tipo atestis pri la zorgemo kaj spertoj de tiu firmo. En la granda halo troviĝis ankoraŭ aliaj firmoj, ekr. Daimler k. t. p. kaj laŭlonge de la flankaj muroj la elmontrejoj por ilaroj, oleoj kaj aliaj materioj kaj objektoj, bela ekspozicio de la firmo por fakaj vestoj Hertzog en Berlin ; kaj la fakaj gazetoj por la aŭtomobila, motorboata kaj aerfluga teĥniko.

En la dua halo estis rimarkinda la « balono » Parseval II, konstruita laŭ la nerigida sistemo, kies gondolo staris sur la planko. La motoro estas fabrikita de la firmo Daimler kaj turnigas, per ĉeno la solan tripartan elastan ŝraŭbon, kies flugiloj estas kovritaj per ŝtofo. Kelkfoje ni aŭdas la turnadon de elektra motoro kaj la zumadon de ventilatoro, per ĝi funkciigata kiu devas replenigi de tempo al tempo la balonon, pendigitan per kvar potencaj rimenoj, kun aero, kiu eliras el ĝia korpo malrapide sed konstante.

O. Bergmann (Charlottenburg).

*(Daŭrigata).*

### GEOGRAFIO

#### Tra la lando de la Kasteloj (sekvo) (1).

Daŭrigante nian vojaĝon, ni alvenas ĉe Amboise (Amboaz). Pri la unua deveno de tiu kastelo, nur legendojn oni scias.

Dum la XIa jarcento, ĝi estis la bieno de la potenca familio de Amboise, kiu donis al Franclando famajn generalojn kaj gloran ministron (kardinalo de Amboise). — Dum la reĝado de Karolo VIIa, estas kunigita kun la reĝaj bienoj, kaj ĝi estis la ofta restado de la kortego dum 150 jaroj. Karolo VIIa restarigis la murojn Ludoviko XIa konstruigis la flankaĵon diritan « sep virtoj », pro la statuoj ornamantaj ĝin. Karolo VIIIa, kiu naskiĝis tie, pligrandigis la kastelon, starigis la antaŭajon kontraŭ la Loire (Luar), la belegan preĝejeton « Sta Huberto », kaj ankoraŭ la du turegojn, kiuj ambaŭ enhavas veture-blan deklivon. En la malnova reĝa ĝardeno, oni vidas pordon, kontraŭ kiu Karolo VIIIa, ekfrapinte sian kapon, faris al si mortigan vundon. Ludoviko XIIa kaj Francisko Ia daŭrigis la konstruadon. Dum la reĝado de Francisko IIa, okazis la Amboisa konspiro kies haltigo estis sanga. Poste la kastelo fariĝis malliberejo por gravaj personoj. Nun ĝi apartenas al la familio de Orleans, kiu organizis tie rifuĝejon por siaj maljunaj servistoj.

Chenonceaux. Se, forlasante la Loire, ajn bordojn, ni iros al la Sudo, ni trovos, tra rivero, originalan kastelon ; Chenonceaux (Ŝenonso) estas konstruita sur Çher'o (Ŝer'o), dum la XVIa jarcento, anstataŭante malnovan muelilon. Francisko Ia acetis ĝin, Henriko IIa donis ĝin al Diana de Poitiers (Dian de Poatie), kiu konstruigis la ponton kunigantan la kastelon kun la maldekstra Cher'a bordo. Post la morto de Henriko IIa, Katerino de Medicis (lia edzino) akiris ĝin, kaj donis interŝanĝe la kastelon de Chaumont. Tie, ŝi faris mirindan muzeon, kaj konstruigis sur la Diana ponto duoblan galerion, kaj starigis la kupolojn de la antaŭa korto.

Interne de la pontkolonoj, kiuj subtenas la kastelon, estas la kuirejo, la malliberejo, la reĝina banejo, k. t. p...

Post la morto de Katerino, la kastelo estis la bieno de multaj intersekvaj bienueloj. Nun ĝi apartenas al So Terry (Teri).

Finita estas nia vojaĝo. Tro longa ĝi estus se ni devus viziti ĉiujn interesindajn kastelojn de tiu lando.

(1) Ni rememorigas ke la Esp. Grupoj de tiu interesa regiono projektas karavanon sub la aŭspicioj de U. E. A., tra la *Lando de la Kasteloj*. La programo kaj ĉiuj detaloj estas senpage riceveblaj el la Centra Oficejo de U. E. A.

#### La Kongresurbo de la Sesa (sekvo).

Iomete apudflanke de la urbo estas regiono tre vizitinda, kvankam tute ne malfacile atingebla, sed tute ekster la kutima programo de la ordinara vojaĝanto, ĉar turistoj laŭ eŭropa signifio tie ĉi ne ekzistas. Sufiĉe malproksime de la civitana vivado kaj agado, sur bela monteto en la apuda Brookland, kuŝas en solene trankvila ĉirkaŭajo la sanktejo de la kapuĉenoj, la monaĥejo, eble la sola instituto tiuspeca, en la Unuiĝitaj Ŝtatoj. Se la monaĥejo kaptas la scivolon de la fremdulo, certe ne estas pro ĝia lukso, aŭ pro la majesteco de la konstruajo, ne, ĉio estas tie pli modesta sed adorinde ĉarma kaj ripozege trankvila. Vere ĝi meritas la laŭdojn kiujn ĝi ricevas egale de poeto kaj romanisto. Tiuj kiuj unufoje vizitis ian ajn parton de la kapuĉena domo, al ĝi ĉiam estos forte allogataj. Oni ja ne devas plene priskribi la ĉarmojn de tiu ĉi loko, sed ĝi meritas esploradon. Preskaŭ tute izolite kuŝas la monaĥejo en ĉirkaŭajo dum tri sezonoj ornamata de verdtapiŝita montetaro, kies pentrinda vidaĵo ĉarmas la vizitantojn kiuj, ju pli ĝin vidas, des pli ĝin amas. La freŝa aero portante la ozonon de apuda arbaro, kiun oni enspiras, la belaj vidaĵoj, la graciaj konturoj de la ĉirkaŭaj montetoj, kiujn oni rigardas, estas bonega rekompenco de la promeno. La leganto sekvu min por viziti la lokon. Post duono da horo de veturado ni forlasos la elektran tramon ĉe Brookland, kaj laŭiras unu el la ombrodonantaj alirejoj kiuj kondukas nin al la loko de la sanktejo. Unu el la vojoj estas multespaca veturejo, la alia kiu estas la plej ŝatinda, precipe en la dumkongresaj tagoj, estas vojeto kiu agrable serpentumas tra ombroza arbareto. Nur kelkminuta irado estas necesa por atingi la sopiritan celon. Elirinte el la arbareto, oni ekvidas konstruaĵon tute blankan, meze de vastejo kiu aspektas tiel diverskolora kaj en la dumkongresaj tagoj donos molajn ripozejojn nenie egaleblajn. La sanktejo kaj vastejo apartenas al la ordeno de la kapuĉenoj. Ĝi estas konstruita laŭ stilo de la sanktejo en Jerusalemo. Spite la ekstera simpleco, interne ĝi estas belega kaj solene impresiga vidaĵo. Preskaŭ ĉiuposttagmeze, je la tria, oni povas aŭdi la solenajn sonojn de la monaĥeja sonorileto, kaj multe da piuloj, ĉu katolikaj, ĉu nekatolikaj, ariĝas por ĉeesti la vesperan predikon. Eĉ dum la varmega sezono la navo de tiu ĉi preĝeja amplekso estas komforte malvarmeta. Simpleco, nenio krom tio, karakterizas la internaĵon. Estas stranga aspekto ekvidi la nudpiedajn monaĥojn tien kaj ien senbrue, senvorte fari tion kaj plenumi tion ĉi, la tuta ĉeestantaro troviĝas en emocia kaj piecema preĝo. La anaro de tiu ĉi ordeno estas vestita per brunkoloraj kiteloj kun kapuĉoj. Ĉu somere, ĉu vintre, ili surportas sandalojn ; spite tio oni ilin nomas nudpieduloj. Post la posttagmeza prediko unu el la anaro afable kondukas la vizitantojn malsupren tra la volvitaj ĉambregoj kaj subteretaĝoj, kie troviĝas multe da sanktaj signoj, interalie, la ejo de Betlehemo kaj la manĝujo kun la sankta infano. La nudpiedulo je unutona voĉo kaj je mallevitaj okuloj donas la necesajn klarigojn kaj respondas eventualajn demandojn je iu ajn kulturlingvo (ĉu Esperanto estas konata tie ĉi la korespondanto de « Esperanto » ĝis tiam ne esploris, sed certe li baldaŭ profitos la okazon por certigi al si pri tiu lingvodemando). La duonlumo en la koridoroj, la solena silento en la ĉambroj. la unutona voĉo de la kondukanto, la senbrua movado de la monaĥo emociigas la koron kaj tre forte rememorigas la okazintaĵojn de antaŭ centoj da jaroj. Enpenseme ni trairas la modelon de la sanktejo de Jerusalemo. Forlasinte la subteretaĝon, la nudpiedulo silenteme nin kondukas al la loko kiu apartenas al la spirita kaj la monduma vivo. Estas la laborejo, akceptejo kaj vendejo de la monaĥoj. Jen vidiĝas multe da iloj, amaso da libroj kaj benitaj rozarioj, sed antaŭ ĉio ili enmanigas al ĉiu vizitanto la broŝurojn, la traktaĵojn kiujn ili tute vendistmaniere priskribas kaj rekomendas kaj tute senbezone akcentigas la prezon de la vendaĵoj. Ĉiu sumo enspezita estas ja por la subtenado de la monaĥejo. Notinde estas ke la monaĥoj propramane elfosis la fundamenton kaj masonigis etaĝon post etaĝo, parton post parto, ĝis la tuta belvida konstruaĵo estis tute elfinita. Ĉiuj el ili metis sian propan parton, ĉu masonisto, ĉu lignaĵisto, ĉu tegmentisto, ĉu pentristo. Tute senlace ili laboradis, parte el kutimo, parte pro sia krommetio. Ĉu scienculo ĉu ĝardenisto aŭ floristo, neniam ili forgesas la sanktajn devojn je la meso frumatene kaj eldiri la preĝojn je la konvenaj tempoj. Ĉiam kaj ĉie regas silento en la vastaj haloj. Ĉiuj ajn plenumas la kutimajn sanktajn kaj de ili amatajn devojn ; iliaj vizaĝoj respegulas pieman eklezian kontentecon.

B. F. Schubert (Del. Washington).

#### El Dalmatujo.

Landaj lingvoj en Dalmatujo estas la kroata-serba kaj itala. Kroatoj kaj serboj estas unu nacio kun du nomoj, tial la kroata kaj serba lingvoj estas sama lingvo. La diferenco estas nur ke la kroatoj uzas la latinan, la serboj la rusan alfabeton.

Krom tiuj lingvoj preskaŭ ĉiu klerulo parolas la germanan, ĉar la plimulto studadis ĝis nun en germanaŭstriaj universitatoj. En la lastaj jaroj precipe la juristoj studas ĉe la kroata universitato en Zagreb (Kroatujo), kiu malgraŭ multaj klopodoj ankoraŭ ne akiris la plenan reciprokecon kun la aŭstriaj universitatoj.

Kvankam la kroatoj kaj serboj nombras iomete pli ol 500.000, tamen ili dividiĝas en 7 politikaj partioj. Inter tiuj ĉi unu havas tute demokratan fundamenton kaj okupiĝas je la progreso kaj bonstaro de la popolo : la *kroata progresema popola partio.* Ĝi estas la plej nova — ĝi fondiĝis en 1905 ; dank'al ĝia sana bazo ĝi rapide disvastiĝas kaj ŝajnas fariĝi la plej forta. Ĝi celas ne nur la plenan unuecon kun la serboj, sed ankaŭ sisteman alproksimiĝon al la dua landa elemento — al la italoj, por kunlaborado je la akiro de la necesegaj kulturaj institucioj, fervoja kunligo kun la civilizita mondo kaj por la fina solvo de la dalmata problemo : ĝia aneksado al Kroatujo-slavonujo laŭ la historia ŝtatrajto de tiu ĉi triunua regno.

Rubĉiĉ (*Dubrovnik-Ragusa*).

### AERVETURADO

#### London-Manchester per aeroplano

La premio promesita (100.000 Sm.) de la *Daily Mail* en novembro 1910, estas gajnita de la fama franca aviadisto Ludoviko Paulhan. Homo flugis de Londono al Manchester, distance unu de la alia je ĉirkaŭ 295 kilometroj. La tuta civilizita mondo estis mirigita pro tia okazintaĵo, la plej granda kaj la plej maltimema en la nuna jarcento.

Ludoviko Paulhan sur biplano Farman forlasis Hendon, apud Londono je la 5.30 posttagmeze lastan merkredon, alteriĝis je la 8.10 vespere en Lichtfield, kaj post kelkaj horoj de bone meritita ripozo, je la 4.9 matene li reflugis dum 123 Km. por atingi la celitan lokon je la 5.32. Entute li bezonis 4 horojn 2 minutojn por trairi proksimume 300 kilometrojn, se oni konsideras ke dumfoje li perdis sian vojon.

La *Daily Mail* promesis sian premion al iu homo kapabla flugi de Londono al Manchester en 24 horoj, permesante du haltojn por plenigi la oleujon. Ludoviko Paulhan sukcesis la aeran vojaĝon en 12 horoj kun nur unu halto. La premio estas do lia ! Lia malfeliĉa konkuranto S-ro C. Graham White ricevis kiel memoraĵon por sia bela, kvankam malsukcesa flugado pokalon valorantan 1.000 Sm.

La du aviadistoj decidis florflugi el Londono je la plej oportuna momento. S-ro Graham White profunde dormis kiam liaj mekanikistoj sciigis lin pri la foriro de Paulhan.

Ne perdinte momenton, li movigis sian motoron kaj tuj aerenaltiĝis sekvante sian konkuranton. Pro la mallumo, kaj precipe pro la vento, li estis devigata halti en Roade, proksimume 96 km. de Londono, je la sama horo kiam Paulhan haltis en Lichtfield. Ĉi tiu lasta do antaŭenestis la alian hombirdon je 91 km.

Estis surprizo por neniu ke la franco ricevis la 100.000 Sm. promesitaĵn.

Laŭlonge de la vojo, dum la nokto kiel dum la tago, la ŝoseoj inter la du urboj estis plenaj je automobiloj, ciklistoj, ĉiaj veturiloj kaj amaso de piedirantoj, kiuj esperis almenaŭ ekvidi flugilon de la medernaj birdoj. Je la 4a matene, miloj da homoj ĉirkaŭestis la lokon, ĉe kiu devus alteriĝi la aviadistoj, kaj multaj el ili pro nacia fiereco esperis la sukceson de sia samlandano S-ro Graham White. Lia malbona sorto kaj lia rezolucio provi ĝisfine fari la vojaĝon kortuŝis la popolamason ; ĉiuj efektive sciis ke meze de l'nokto li forlasis Roade por regajni la perditan tem-

pon kaj alesti Lichtfield antaŭ la forflugo de Paulhan. Siaflanke, aŭdinte ke lia konkuranto estas jam survoje, la franco rapidigis la aranĝon de sia maŝino kaj forflugis en la sama momento kiam la anglo estis devigata halti pro tro forta vento je 10 kilometroj de la urbo.

Subite je la 5.30 iu el la Manchester'aj rigardantoj ekvidis, per helpo de sia lorno, birdegon alproksimiĝantan kun ega rapideco kaj ĝoje ekkriis « jen, Paulhan ». Efektive kelkajn sekundojn poste, Paulhan, nun vidata de ĉiu kaj korege aplaŭdata de la entuziasmigita popolamaso ronde flugis super la alirejo. En tiu momento, neniu plu pensis pri la postlasita aviadisto nacia, sed kiel veraj sportuloj ĉiuj sincere gratulis la kuraĝan alilandan venkinton.

Paulhan alvenis rekte de super Manchester, kaj post gracia duonkurba irado, li kviete kaj dolĉe alteriĝis en la loko difinita de la organizintoj de la kurado. Ŝajnis al la ĉeestantoj ke ili vidas marbirdon ŝvebantan sur la akvo; ili ne ŝparis sian admiron al la Franco. De ĉiuj flankoj ili alkuris al la loko kie li sidis, duonmorta pro malvarmo, sed kun feliĉa rideto en la okuloj. Policanoj kaj amikoj liaj tuj formis vivan protektan barilon ĉirkaŭ la maŝino; tre obeme la rigardantoj haltis, sed ekpostulis paroladon per la krioj « speech, speech ». La aviadisto tamen ne povis kontentigi ilin; li estis tro kortuŝita pro tia bonveno, kaj tro laca pro la vojaĝo. Nur unu vorto elfalis el liaj lipoj : « Dankon ». Li certe ne esperis tian ovacion kaj ne povis sufiĉe ofte ripeti : « Kiel afablaj la angloj estas ». Agrable surprizita li precipe estis, kiam li ricevis specialan inviton por ĉeesti la privatan ĉambron de la urbestro, kie kuniĝis por lin gratuli la ĉefaj civitanoj de la urbo. Sciiĝinte pri la decido de lia konkuranto, Paulhan ege bedaŭris ke li ne kapablis lin post sekvi.

Ne forprenante ion el la gloro de la venkinto, oni tamen devas konfesi ke la plej mirinda kaj kuraĝa parto de tiu duelo estas la flugado de S-ro Graham White inter Roade kaj lia dua haltejo. Neniam antaŭe aviadisto flugis dum nokto senluna kaj precipe en lando nekonata de si. Al la kuraĝo li aldonis veran lertecon, ĉiu spite la malmulteco de la gvidiloj en la nokto, t.e. la lanternoj laŭlonge de la fervojo, li trovis sian vojon kaj rekte alflugis al la celita loko. La fortega vento en la intermontoj de Rugby ĝis Lichtfield, bedaŭrinde, denove malhelpis lin atingi tiun lastan urbon.

Lia kuraĝplena entrepreno altigos lin ĝis la unua rango de la plej famaj aviadistoj kaj la spirito en kiu li ricevis la sciigon pri la sukceso de lia konkuranto metas iin ĉe la plej alta supro de la veraj sportuloj. Tuj kiam li aŭdis pri la venkinto, li komencis la aplaŭdadojn en lia honoro, kaj ekkriis: « Paulhan estas la plej fama aviadisto en la mondo; mi estas nur lernanto. »

Kiu ajn estis la venkinto de tiu unua traaera vojaĝo, li montris novan paŝon en la progreso de la modernaj sciencoj.

Paul Blaise.

### La Aviada Semajno de Tours

La Aviada Semajno de Tours finiĝis malfeliĉe kun vetero plej malbela kaj pluva. Tamen granda popolamaso ĉeestis tiun sportan eksperimenton kaj ni povas diri, ke pli ol cent mil personoj vizitis la aviadan kampon. Jen la plenaj rezultatoj : La aeroplanisto plej bone sukcesinta estas la angla kapitano Dickson kiu flugis distancon da 266 km. 966 mj. Li estas la venkinto de la Tours'a aviada kunveno. Poste, ni devas citi la nomojn de Chavez (147 km. 180), Metrot (93 km. 720), Molon (88 km. 840), Kuller (63 km. 700), kaj Duray (30 km. 460). Bedaŭrinde la vetero, kiu tiam estis tre malfavora, ĝenis multajn ekflugojn kaj pro tio la ricevitaj rezultatoj estas despli ŝatindaj.

**Ĉu vi jam sendis vian Kongres-aliĝilon? Se ne, rapidu tion fari.**

## IDEOJ & FAKTOJ

### La malgrandiĝado de l'enloĝantaro en Francujo

La milito kontraŭ la malgrandiĝado de l'franca enloĝantaro okupas ĉiam pli kaj pli la publikan opinion en Francujo; la ĉiutagaj ĵurnaloj, multaj revuoj aperigas ĉiam novajn faktojn pri ĉi tiu temo. Tiel raportas medicina ĵurnalo, ke en la jaro 1767 abato Jaures eldonis libron, en kiu li antaŭdiris la malpliiĝadon de l'enloĝantaro en Francujo, kaj li supozis ke la malutilaj, malbone edukitaj kaj komundanĝeraj fraŭloj estas la ĉefa kaŭzo por tio. En tio ĉi certe estas parto de vereco ankaŭ por la estantaj rilatoj.

Sed oni konsideru cetere ankaŭ la aliajn faktojn. De dek jaroj la malmultiĝado de la naskiĝoj daŭradas malgraŭ ĉiuj penadoj, malgraŭ la belaj sukcesoj, kiujn montras la milito kontraŭ la mortado de la infanoj, malgraŭ la konfesindaj plibonigoj de la higienaj cirkonstancoj en la urboj kiel en la vilaĝoj. Oni konvinkiĝis, ke la vera kaŭzo de la malbono ne ekzistas en la infanoj, sed en la gepatroj, en la edzeco mem.

Fakte estus nenia trograndigo serĉi ekskluzive la kaŭzon en la malfacileco de la vivtenado, en la malegala disdono de la teraj bienoj, unuvorte en la mondemando. Ĉar en la realeco la mezaj klasoj sin montras pli senfruktaj. Ĉe riĉaj kaj malriĉaj oni trovas ankoraŭ hodiaŭ multajn infanriĉajn familiajn; ĉe la riĉuloj, ĉar ekzistas ĉiuj kondiĉaj por la prosperado de la infanoj; ĉe la malriĉuloj, ĉar la penoj de la baraktado por la ĉiutaga pano ilin malproksimigas de la distroj de la moderna civilizacio, la feliĉo ĉe la hejma fajrujo voloras por ili senfine pli ol la multego da publikaj plezuroj.

La teatro, la kabaretoj, la sportfestoj, k. t. p., estas la difektiga kaŭzo, tie ĉi la nesatigebla egoismo detruas la familiajn ligilojn. Tio trafas aparte la mezajn klasojn, ĉar mankas al ili la puŝo por la ŝparado aŭ la neceseco por tio ŝajnas al ili superflua. Ili disponas pri kelkaj rimedoj kaj pri certa klereco, kiuj ilin puŝas serĉi la ĝuon de la plezuro; sed ili ne disponas pri sufiĉa morala prudenteco por alte taksi la valoron de la devo al la familio kaj la ŝtato. Kontraŭ tio helpas nur la limigo de la publikaj plezuroj, la malpermeso de certaj teatraĉoj kaj amuzoj, la milito kontraŭ la kabaretoj kaj iliaj helpantoj. Oni tial povas saluti sincere, ke la eksdeputato Gauthier starigis proponon en la franca Parlamento. kaj ne timis malkovri la verajn faktojn.

Malgranda ekzemplo trovu ĉi tie lokon. Kuracisto Jus publikigis libron pri urbeto en Gascogne, kiu montras, ke la malpliiĝado de la naskiĝoj en la daŭro de 30 jaroj korespondas kun la plimultiĝo de la trinkejoj, kun la malfermo de l'kazino kun la hazardludo. Malgraŭ la plibonigoj de la socialaj kaj higienaj cirkonstancoj, malgraŭ la floranta industrio, malgraŭ la ĉeesto de pluraj kapablaj kuracistoj kaj de inteligenta urbestraro, la nombro de la novaj naskiĝintoj plimalmultiĝas de jaro al jaro. Ĉe la komenco de la lasta jarcento, kiam tie la loĝantaro vivis ankoraŭ en tute malriĉaj cirkonstancoj, la loĝantaro estis ĉirkaŭ 3000 homoj kaj plimultiĝis ĝis la sesdeka jaro je 3500. Sed precipe post la milito kontraŭ Germanujo, jus je la tempo kiam la socialaj kaj higienaj cirkonstancoj komencis pliboniĝi, komencis ankaŭ subite la malgrandiĝado de la loĝantaro, kiu nun progresas en timigebla maniero. En la jaro 1871 la loĝantaro atingis la nombron 2000, la milito postulis multajn oferojn. Sed en la jaro 1895, t. e. 14 jarojn pli malfrue sin trovis nur 1277 loĝantoj, kvankam okazis nenia sentebla elmigrado. Nature kun la pliigo de la trinkejoj multiĝis ankaŭ la mortokazoj kaŭzitaj per la alkoholismo, sed la malmultiĝado de la naskiĝoj sin montras klare el la registroj.

Sed la malgrandiĝado de l'franca enloĝantaro ankaŭ ĝenerale trafas tutan Francujon en la plej alta grado. La statistiko donas por la ses unuaj monatoj de l'jaro 1909 la nombron de 398.710 naskiĝintoj kaj 426.913 mortintoj; tiu fakto estas identa kun la koresponda malpliiĝo de l'enloĝantaro. Preskaŭ ĉiuj departementoj en tio partoprenas, nur la norda parto faras malgrandan escepton. Verŝajne pro tio, ke tie ĉi la milito por la ĉiutaga pano necesigas la tutan forton de l'popolo. Aliparte la departementoj Côte-d'Or kaj Yonne montras la plej fortan malgrandiĝon. En la citita tempo la loĝantaro de la du departementoj Côte-d'Or kaj Yonne la malpliiĝo estis kune 2861. Se tiu ĉi krizo daŭradas tiel, oni povas facile kalkuli, ke en la daŭro de pluaj 150 jaroj tiuj ĉi regionoj estos tute senhomigataj.

Tiu ĉi penso, tial malkuraĝigas, ĉar la rigardo al la estinteco pruvas ke la loĝantaro de Francujo iam pliiĝis en ĝojiga maniero. La urbeto Montbard en Bourgogne montris en la jaroj 1765 ĝis 1774 pliiĝon de loĝantaro da 2337 ĝis 2512, en la sama tempo okazis 175 edziĝoj, kiuj produktis po 6 infanoj. Aliaj urboj en Bourgogne ekzemple Semur, Vitteaux, Saulieu prezentas la saman bildon. Hodiaŭ naskiĝas en Bourgogne proporcie je la loĝantaro malpli da infanoj ol en la tuta teritorio de Francujo.

Nenio klarigas pli bone ol tiu ĉi fakto, ke la danĝeroj de la sociaj cirkonstancoj, ke la progresado de la civilizacia kunludas grandan rolon. La kontraŭpruvo sin trovas ĉe la elmigrintoj en Kanado kiuj vivas plej multe en simplaj, patriarhaj cirkonstancoj, kaj kiuj plimultiĝas en ĝojiga maniero.

*Laŭ Dro A. D. T. B. tradukis.*

Ed. Hiltebrand (Sub-Del. 494.343).

### Oficistoj kiel kunlaborantoj.

La Frankfurt urbestraro iras novan vojon por enkonduki plibonigojn en la urban administracion. Antaŭ kelkaj tagoj ĉiuj oficistoj ricevis de la urbestraro leteron, per kiu ĉiu el ili estis petita konigi sian opinion pri plibonigo de la administracio. Ĉiu oficisto estas petata fari raporton kaj proponojn pri tio. La estraro pagos 250 $ por la plej bona propono kaj multe da aliaj premioj estos disdonataj.

Tiu ĉi nova sistemo estas tre rekomendinda, ĉar tiel la estraro aŭdas direkte la opiniojn de la oficistaro, kiuj ofte estas pli praktikaj ol tiuj de l'estraro, malpli informita pri ĉiuj detaloj.

H. Fricke (Del. Frankfurt).



NEKROLOGIO

## Eliza Orzeszko

Mortis unu el la plej famaj verkistinoj de la slava literaturo. Eliza Orzenszko. — Filino de riĉa pola bienposedanto, ŝi naskiĝis je la jaro 1842. Ŝia patro, estis unu el la tiamaj polaj liberpensuloj, kies riĉa biblioteko certe grave influis la scienceman senton de la estonta verkistino. Post la edukado, ricevita kiel kutime, en monaĥejo, ŝi edziniĝis je samlanda nobelo. Dum la komencanta socia movado de la 60-a jardeko, ŝin komencis tedi la sencela kaj malplena vivo de la nobelaro, al kiu ŝi apartenis laŭ sia naskiĝo kaj riĉeco: ŝi ekinteresiĝis pri la sociaj demandoj, forlasis fine la edzon kaj translokiĝis en bienon oferante sin plene al la literatura verkado al kiu ŝi restis fidela ĝis la fino de sia laborplena vivo. Ŝia verkaro, romanoj kaj noveloj, entute ĉirkaŭ 60 volumoj, montras ŝian akran sentemecon al la suferadoj de la aliaj. Jen ŝi enkondukas la leganton en vilaĝon, montrante al li la mizeran vivon de popola kamparanulo, jen ŝi fariĝas apostolo de la suferanta izraelidaro, jen ŝi rakontas pri la maldolĉa vivo de la virino. E. Orzesko ne konis naciojn, jen kial ŝia morto estas egala perdo kaj por la poloj, kaj izraelidoj kaj por la rusoj, kaj fine por ĉiuj, kiuj konis ŝiajn. verkojn. Ŝiaj ĉefverkoj estis: « Meer Jozefoviĉ », « Chama », « Eli Makover », « Nad Nieman », « Marta » k. c. Multaj el ili estas tradukitaj diverslingven.

De ni Esperantistoj la nomo de E. O. estas ankaŭ konata. La jus eldonita traduko de D-ro Zamenhof de ŝia verko *Marta*, *La interrompita kanto* de Kabe, noveleto, A. B. C. kaj kelkaj aliaj estas esperantigitaj. Ni do lasos al la esperantistaro juĝi pri ŝi, kiu vere estis la « flereco de Polujo ». Siajn lastajn jarojn E. Orzeszko travivis en Grodno (Rusa Polujo) kie ŝi la 5an de Majo mortis pro kormalsano, je la 68a jaro de sia vivo. La nomo de Eliza Orzeszko longe vivos en la memoro de la homoj per la sorto forlasitaj, kies vera amiko ŝi ĉiam estadis.

S. S.

## Homara Dataro

*Junio.* 1a 1800. — D-ro Jenner unuafoje eksperimentas la variolan inokulon.

2. 1881. Mortas Emilo Littré aŭtoro de la Leksikono de la Franca Lingvo. — 1882. Mortas en Kaprero Glo Jozefo Garibaldi.

3. 1875. — Mortas en Bougival apud Parizo, komponisto Georgo Bizet, aŭtoro de *Carmen*.

4. 1859. — Batalo ĉe Maĝenta, venko de la franca-sarda armeo, sur la Aŭstrianoj. — 1783. Supreniro de la unua aerostato.

5. 1816. Mortas en Napolo komponisto Johano Paisiello. — 755. Mortas Sankta Bonifacio (Winfried) apostolo de la Germanoj, naskiĝinta en 680a en Kirton.

6. 1533. Mortas en Ferrara poeto Ludoviko Ariosto. — 1606. Naskiĝas en Rouen poeto Petro Corneille. — 1861. Mortas en Torino ŝtatisto Kamilo Cavour.

7. 1738. — Mortas en Parizo markizo Antono Du Châtel Crozat el Tolozo, fondinto de la Kolonio Luisiano (Kanado).

8. 1889. — Inaŭguro de monumento al Ĝiordano Bruno en Romo.

9. 1885. Paco de Tiensin inter Francujo kaj Ĥinujo. Tiu ĉi lasta forlasas la regecon de Anamo kaj Tonkeno.

10. 1580. — Mortas portugala poeto Luizo el Comoens aŭtoro de *Os Lusiados*.

11. 1742. — Paco de Breslau intere Prusujo kaj Aŭstrio. — 1294. Mortas Rogerio Becon, elnomita la Admirinda Doktoro.

12. 1872. — Inaŭguro de la unua fervojo en Japanujo.

13. 1839. — Mortas poeto Jakobo Leopardi. — 1231. Mortas franciskano S-ta Antono el Padovo.

14. 451. — Ecio detruas la soldataron de Atilo apud Châlons.

15. 1520. — Papo Leono X ekskomunikas Luteron kaj kondamnas la 40 artikolojn. — 1669. Bandt malkovras la fosforon. — 1844. Mortas angla poeto el Glasgow Thomas Campbell.

A. Tellini.

**Vi ĉiuj uzantaj Esperanton**
**Ne forgesu legi nian 4an paĝon**
**kaj konsulti la anoncojn por viaj aferoj**

## La Faktoj

2 *Majo*. Barcelono. — Franca aviadisto de Lesseps falas el alteco da 100 metroj kaj restas vundata.

3. Ĝenovo. — Inaŭguro de nacia Kongreso de Ĵurnalistoj.

Kristiano. — Solena enterigiro de Bjoernson.

4. Kartago (Kostarika). — Terura tertremo detruas la urbon.

5. Italujo. — Oni solene rememorigas en la tuta duoninsulo la 50-an datrevenon de la forveturo de la 1.000 militistoj de Garibaldi.

6. Londono. — Mortas Edvardo VII, reĝo de Anglujo.

8. Romo. — Mortas poetino Viktorino Aganoor. Deputato kaj eksvicministro Ponapili memmortigas sin por ne postvivi amegatan edzinon.

Milano. — Mortas romanisto kaj dramverkisto Jeronimo Rovetta.

9. Londono. — Oni anoncas en la stratoj per tradicia ceremoniaro la supreniron sur la tronon de Reĝo Georgo V.

10. Romo. — Mortas fama ĥemiisto, senatano Stanislao Cannizzaro.

Berlino. — Alveturo de Roosevelt, invitita ĉe la imperiestro.

Liono. — Paulham flugadas je alteco de 840 metroj super la urbo.

12. White-Haven (Anglujo). — Eksplodo en karbo minejo : 183 ministoj restas enterigitaj.

13. Liono. — Aviadisto Michelin falas kaj mortas.

15. Romo. — Admiralo Peary, kiu malkovris la nordan poluson faras paroladon en la Roma Kolegio pri sia esplorvojaĝo.

Ferago. — Inaŭguro de terkultura kaj industria ekspozicio.

A. Tellini.

**Pro manko de loko, ni prokrastas la aperon de la ESPERANTO-MOVADO ĝis la proksima No.**









# TRA LA MONDO

## Nia Kongresurbo : AUGSBURG

Augsburg estas unu el la plej malnovaj urboj de Germanujo, origina roma kolonio. Ĝi havas riĉan historian estintecon kaj ludis gravan rolon en la mezaj centjaroj, tempo de renesanco kaj reformacio en politika kaj kulturhistoria rilato.

La flora tempo de Augsburgo, en kiu la Augsburga brilego estis proverba, estas karakterizata per la alteco, kiun atingis la tiama artvivado. La granda arta estinteco donis al la urbo ĝian stampon kaj por artistoj kaj artamantoj kuŝas en la miksado de antikva-novatempaĵo la ĉefallogaĵo de Augsburgo, la reciproka esenco de antikvaj kaj praantikvaj memoroj kaj monumentoj kun moderna vivo donas rimarkindan ĉarmon al la atenta observanto.

De paŝo al paŝo la urbo montras elokven-















URBODOMO KAJ PERLACH









tan montradon je la arta brilega tempo kaj prezentas antikvajn stratbildojn de surprize ĉarmplena kaj kurioza beleco, tute konvena plenigi la skizlibrojn kaj kajerujojn de la pentristoj kaj arĥitekturistoj kaj ĝojigi la okulon de la artkonanto.

Grandaj publikaj konstruaĵoj (urba domo kun ora ĉambrego 1620 de Elias Holl), belegaj figurajfontoj de l'fino de la XVIa centjaro, pompoplenaj malnovaj preĝejoj kun gravaj artotrezoroj, interesaj malnovaj patriciaj domoj kun valorplenaj detalaĵoj, pentrindaj stratanguloj, pordegoj kaj remparoj kunigas sin kun grandaj placoj, belegaj aleoj kaj modernaj stratoj.

Multan allogaĵon la artamanto trovas en

HERKULESA FONTANO

la Reĝa Pentraĵa galerio, kiu enhavas i. a. ĉefverkojn de Burgkmair, Holbein, Ulrich Apt, k. t. p.), kiuj alie nenie estas trovataj en tia maniero. Multe interesa estas la kulturhistoriaj kaj artmetiaj kolektaĵoj en la « Maximilian-Museum », en kiu estas prezentataj i. a. trovitaĵoj el la Augsburga roma tempo, produktaĵoj de la fama malnova Augsburga oraĵista arto. Rimarkinda estas ankaŭ la gravaj gravuraĵa, monera, porcelana kaj stana kolektoj.

Oni povas trankvile certigi, ke Augsburgo estas inter la germanaj urboj unu el la plej interesaj kaj vizitindaj kaj ĉiu, kiu venos Bavarujon, estus rigardonta la malnovan « Augusta ».

Augsburgo, iam (1276-1805) libera regnurbo, apartenas al la regno Bavarujo de post la Presburga paco (1806) kaj estas nun ĉefurbo de la gubernio Sehwalon-Neuburg. Ĝi havas 100.000 enloĝantojn, el kiuj estas 2/3 katolikoj, 1/3 protestantoj kaj ĉirkaŭ 1300 izraelidoj. Krom tio Augsburgo estas ĉirkaŭata de popolriĉaj antaŭurboj kun entute 42.000 enloĝantoj.

Augsburgo estas sidejo de multaj estraroj kaj pasedas diversgradajn lernejojn, estas garnizonloko de 3 regimentoj kaj precipe grava industriurbo kun ĉirkaŭ 80 fabrikejoj, ĉefe por kotonoj, teksaĵoj, katunoj, fadenoj, maŝinoj (tre grave !) ciro, alumetoj, horloĝrisortoj, biero. k. t. p. Ĉar la fabrikejoj kuŝas ekstere de la urbo, ili ne malutilas la arĥitekturan aspekton de la urbo.

Kiel dirite, Augsburgo estas unu el la plej malnovaj urboj de Germanujo. Jam je tempo de la imperiestro Augustus liaj duonfiloj « Drusus kaj Fiberius fondis la « Augusta Vindelicorum », kiu baldaŭ atingis altan florecon sub la nomo « splendidissima Rhætiæ colonia ». En la jaro 955 ĝi estis sieĝata de la hungaroj. Ĉe la defendado precipe la « Sankta Ulrich », episkopo de Augsburgo (923-972) distingiĝis; sude de la urbo sur la « Sechfeld » la hungaroj estis batataj je la 10a Augusta 955 de la tuta germana militistaro.

Sub imperiestro Friedrich Barbarossa Augsburgo fariĝis reĝa urbo kaj je la fino de la XIIIa antjaro « libera imperiurbo » (reĝo Rudolf de Habsburg). Post 100 jaroj de aristokrata regimento partoprenas la korporacioj je la administrado de la urbo kaj de tiu epoko progresis komerco, metio kaj arto. Augsburgo estis mezpunkto de l'komerco inter Italujo kaj la nordo, inter la orienta kaj la nordokcidenta Eŭropo.

La famaj Augsburgaj komercistoj *Fugger* kaj *Welser* regis la tutan monfoiron, komercis kun ambaŭ Indujoj, la Welser'oj posedis 1526 ĝis 1546 Venezuela en Sud-Ameriko. La imperiestroj Maksimilio Ia, kaj Karlo Va, loĝis volonte en la urbo kaj tiam oni diris :

Venezia potenco,
*Augsburga pompo*,
Strassburga pafilego,
Nuremberga spirito
Kaj Ulma mono
Regas la mondon.

Famaj artistoj kaj artmetiistoj vivis je tiu tempo en Augsburgo.

La mezpunkto de la spirita vivo estis la instruita urbskribista Pentinger (1465-1547), amiko kaj konsilanto de imperiestro Maksimiliano I. Baldaŭ la urbo sin turnis al la Renesanco, siajn plej belajn konstruaĵojn ĝi ŝuldas al la arĥitekturisto Elias Holl (1573-1646), la konstruinto de la belega urbodomo.

Estas konate, ke Augsburgo ludis gravan rolon dum la Reformacio per siaj imperiokoncilioj de 1518, 1530 (Augsburga konfeso), kaj 1555 (Augsburga konfesa paco). Dum la sekvontaj militoj la urbo multe suferis ĝis 1703, sed poste komerco, industrio, scienco kaj arto, antaŭ ĉio la artmetio floris denove. Precipe tabakfabrikado, teksado kaj la katunfabrikado, kiu en la jaro 1790 okupis 6000 laboristojn, disvolviĝis rimarkinde. Kelke da jaroj post, la revoluciomilitoj malutilis ree la urbon, kiu en la jaro 1806 estis enkorpigata en la reĝolandon Bavarujo. Kiel membro de tiu ĉi granda kaj forta ŝtato kaj ankaŭ el propra forto, Augsburgo disvolviĝis plej ĝojige; kvankam ĝi ne plu atingis la tiaman signifon por arto kaj artmetio, ĝi tamen fariĝis komercurbo kaj per sia ĉiam kreskanta industriagado unu el la plej gravaj en sud-Germanujo. Ĉio pruvas senlacigan agadon kaj kreskantan bonstaton!

W. Beideck (Del. U. E. A.).

FELIETONO DE « ESPERANTO »

8

# LA KATO

de Dro Johano RAJBERTI

*Mia Katino kaj Sta-Miĥaelo* (29 septembro)

Ankaŭ mi posedis katinon en la feliĉaj tagoj de mia juneco: ho rememoro! ŝi estis tipo de beleco kaj de inteligenteco. Ŝi havis tian gracion, tiajn elegantajn manierojn, konvenecon kiel reĝino, por ĉion diri, ŝi estis le Kleopatro de la Katinoj, eĉ la Semiramiso ĉar efektive ŝi *libito fè licito in sua legge* (Dante) (ĉiun kapricon ŝi igis permesita laŭ sia leĝo) kiel la antikva virino el Babilono kaj ne povis esti alie, se pro la granda amemo al ŝi de la tuta domanaro, ĉia ŝia volo estis plenumita, ĉia kaprico admirata, kaj ne punata. Tamen tie ĉi mi ne intencas dikti ŝian nekrologion; kvankam ĝi estos pli interesa ol multaj, kiujn la gazetaro al ni donacas, rilatantaj personojn tute ne konatajn kiuj havas urĝan bezonon morti por ke de la ĵurnalo oni sciu ke ili iam estis vivintaj. Mi volas nur rakonti al vi la funebran katastrofon... sed ni ne rapidigu la okazaĵojn.

Ni estis en la lastaj tagoj de septembro kaj mi devis translokiĝi. Jam plurajn fojojn oni pridiskutis hejme kiel transporti la katinon sen risko ŝin perdi dum tiu grava malordigo. Ekzameninte multajn projektojn oni decidis ke la matenon de la 29a de septembro oni estus enfermonta ŝin en ĉambro; vespere oni estus ŝin prenonta kaj portonta al la nova loĝejo.

Fine alvenis la tago de Sta-Miĥaelo, tiu tago timeginda por ĉiuj personoj kiuj pagas novan luprezon kaj vidas la malnovan meblarom difektiĝi. Apenaŭ je la matenruĝo, la ĉambraro estis invadita de portistoj kiuj komencis sian ruinigan laboron. La katino, terurigita de tia interpuŝo, malaperas. Mi malkuŝiĝas, kuras tra la ĉambroj, ŝin alvokas, ŝin serĉigas tra la ŝtuparoj, en la korto, en la kelo, en la subtegmento, en ĉiuj truoj de la domo, kaj aŭdas ke ŝi rifuĝis sur la fojnejon. Tiam mi provizas je kolbastranĉaĵo kaj sekvigas min de la servistino kun la korbo, kaj alveninte ĉe l'pordo de la fojnejo diras: « ci restu ĉi tie silenta kaj preta, kiel la servistino de Judita kiu atendis meti en la sakon la kapon de Oloferno », kaj mi iras antaŭen. Mi vidas ĉe l'rando de la tegmenta fenestreto, la katinon kun mieno plena je priokupo kaj suspekto, balancantan la voston.

Kaj ĉi tie, bonvolu observi unu el la multnombraj fiziologiaj diferencoj inter hundo kaj kato. La hundo balancas la voston kiel montron de amikeco kaj gajeco, la kato pro enuo kaj morala maltrankvilo. La viroj je la fino de la pasinta (XVIII) jarcento forlasis propran harvoston : sed la tre malmultaj kiuj ĝin konservis ĝis niaj tagoj kiel maloftan menumenton, pro tia sola fakto ĝin lasi al si pendi inter la ŝultroj, ne eĉ ĝin movetante, donis heroan pruvon de malestimo al la homaj respektoj, de persisto en la antikvaj maksimoj, de malamo al ĉiu novaĵo. Ho tiom granda kaj tiom malsama estas la elokventeco de la vosto en malsamaj bestospecoj!

Mi invitas la katinon apudveni al mi, sed vane; mi montras al ŝi la kolbastranĉaĵon kaj nenion mi ricevas; mi ŝin ekalvokas per la plej amemaj, karesaj nomoj kaj » kompatinda Katinjo, kara Katineto, bona Katino, kaj *pc. pc. pc...* (1) » : spiraĵo perdita. Tiam mi decidas mem iri al ŝi, kaj mi enjetas min en tiun fojnan maron metinte la kolbastranĉaĵon inter la dentojn. Kaj mi kvazaŭ perdiĝis meze de tiuj vorticoj de fojno, pro la granda deziro ridi de kiu mi estis atakata, pensante ke sammaniere Julio Cezaro savis siajn Komentariojn. Alveninte al la tegmenta fenestreto, la besto pro kortuŝanta ligilo de simpatio kaj konfido lasas sin preni; mi ŝin premas al la brusto kun singardo kaj firmeco kaj ruliĝas suben sur la fojno, kiel mi povas, kun granda risko unge skrapetigi al mi la manojn kaj la vizaĝon, enfermas la katinon en la korbon kaj ekkrias kun kontenteco : « La afero estas farita! » Oni iras tuj al la domo de l'amiko, la servistino antaŭen kun sia ŝargo, kaj mi malantaŭe de ŝi malproksime kaj kun mieno de naivegulo.

Dum la vojiro estis brua miaŭado, kaj la personoj haltis, ridis, improvizis bravegajn juĝojn, eĉ diris ke de tiu ungogratanta leporo oni farus stufitan viandon. Alveninte al la celo oni ŝutas la katinon en la ĉambron difinitan al ŝi, oni ŝlosas, oni foriras. Vespere kiam iomete oni reordigis la apartamenton mi revenas por rekonduki sammaniere la katinjon. Mi alprokimiĝas al la porto, akrigas la orelon, ŝin alvokas pli foje kaj ne aŭdas eĉ la plej malgrandan bruon. Tiam mi malŝlosas tre singardeme kaj vidas... Ho spektaklo! mi vidas...

Sed ĉi tie mi haltas, ĉar ŝajnas al mi legi sur la vizaĝo de iuj la enuon, kaj la kulpigon ĵeti tempon kaj spiron pri malgravaĵoj. Mi estas malĝoja ĉar nun alvenis la plej bona de la anekdoto, kaj kiuj volis aŭdi la finon tiuj devos resti kun scivolemo ne kontentigita. Nu por kiu volas filozofian kaj moralan sukon ni alvenu al rapida revuo de kelkaj virtoj kaj moroj de la Kato kun la praktikaj aplikoj al la homa vivo kaj tiel ni estos plenumintaj, kvankane nesufiĉe, la apologion de nia protagonisto.

(1) Per tiu ĉi *pc*, *pc*, *pc*, mi intencus esprimi tiun specialan sonon per kiu oni ordinare alvokas la katojn; sono kiu, ŝajnas al mi, ne estas, tradukebla per iu kunmetigo de alfabetaj literoj. Se tamen la kleruloj en filologio kaj zoologio pensus malsame, mi fidas al ilia sagaca juĝo kun la plej senlima konfido.



*Moralaj aplikoj*

Estas ne malpli laŭdata ol ĝenerale konata en la Kato tiu instinkto de delikateco kaj rava konveneco, per kiu ĝi volas ĵaluze kaŝi al ĉiu rigardo iujn naturajn mizeraĵojn; kaj se la homoj estus tiel komplezaj ĝin imiti en ĉi tio ni ne vidus plu ĉe l'anguloj de la stratoj, ekster la drinkejoj, ĝis laŭlonge la preĝejoj kaj super la plej respektindaj monumentoj tiom da malpuraĵoj. Konsiderante tiun ĉi naŭzigan malordon laŭ la sola vidpunkto de la civilizacio, oni dirus ĝin en niaj urboj, anakronismo ĉiutage pli markitan. La publika kaj privata malavaremo mirinde kunhelpas en la veto ilin igi pli belaj, pli puraj, pli higienaj, kaj ni promenas sur la granitaj platŝtonoj, kaj ni vidas enkanalizi la malpurajn akvojn, la teron niveliĝi, la marĉetojn malaperi. Tie ĉi oni malfermas ombrohavan promenejon, tie oni rektigas oblikvan straton, aliloke oni plilarĝigas mallarĝan kaj sensunan strateton; ĉie kvazaŭ pro ensorĉo, stariĝas fabrikejoj, domoj, palacoj, temploj plenaj je bongusto kaj eleganteco. Nun, tiom da beligoj de tiuj ĉi riĉaj urboj, kiuj ŝajnas renoviĝintaj antaŭ la okuloj de la estanta generacio, kaj plifortigas ĝian patrujan fieregecon, kial ne inspiras ankaŭ al ĝi senton de respekto kaj ĝenon ne ilin senhonorigi? Estas la respekto kiun kvazaŭ laŭistinkte, havas la infanoj kaj eĉ la idiotuloj al la festa vesto, al kiu, se eble, ili evitas la insulton de la makuloj. Ordinare la arto kutimas difekti la naturellaboraĵojn, sed en ĉi tiu fako estas efektive la naturo kiu difektigas la arton. Karaj amikoj, se almenaŭ en tiu ĉi temo, kiu ne rilatas la fundon de la pasioj, vi prenos la Katon, kiel modelon, mi estos atingonta tre luksan frukton de mia prediko.

Trad. A. Tellini.

*(Daŭrigota).*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

## OFICIALA INFORMILO

### ADMINISTRA FAKO

*Komitato de U. E. A.*

Per sia lasta rondiranta kajero la komitato de U. E. A. :

*a*) Principe aprobis la starigon de aprobantoj (propono Rousseau) pagontaj 1 Sm. jare minimume.

*b*) Aprobis la starigon de dumvivaj membroj (propono Stromboli) pagontaj 30 Sm. kaj fiksis la uzadon de ĉi tiu sumo.

*c*) Decidis proponi la aldonon de la vorto « membroj » al § 20 de la Statuto.

La tri antaŭaj proponoj estos submetataj al la voĉdonado de la Delegitoj, per Oficiala Bulteno.

*Financa komisiono.*

En sia lasta rondirante kajero la Financa komisiono ekzamenis la buĝeton de U. E. A., la proponojn pri dumvivaj membroj kaj pri aprobantoj.

*Komerca komisiono.*

En sia lasta rondirante kajero la komerca komisiono studis la regularon pri informpetoj kaj diskutis diversajn demandojn rilatajn al la plibonigo de niaj servoj.

*Distriktaj kajeroj.*

Kelkaj distriktaj rondirante kajeroj jam revenis al ni. Ni petas, ke la estroj de la rondiro bonvolu ilin resendi al ni tuj post dua rondiro. En kelkaj distriktoj montriĝis, ke tro da personoj partoprenas en unu kajero; tial la distriktaj Del. devos de nun dividi sian distrikton je kelkaj partoj, en kiuj estos rondiranta kajero, tiel ke ne pli ol dek Del. partoprenu en ĉiu kajero.

*Gvidilo de l'Esperantiano.*

Ĉar kelkaj el niaj membroj ne ankoraŭ havas tre precizajn ideojn pri nia Asocio, ĝia funkciado kaj ĝiaj servoj, ni preparas gvidilon de l'Esperantiano, senpage donota al ĉiuj niaj membroj. Tiu gvidilo, laŭ Mono-formato, enhavos ĉiujn informojn pri U. E. A., tre koncize redaktitajn.

*Citoj.*

13. S-ro E. M. Pape, Del. en *Chicago* ne respondis oficialajn leterojn, ne sendis raporton (2a cito).

9. S-ro P. Schmitz, Vicdel. en *Aachen*, ne respondis oficialajn leterojn, (2a cito).

21. S-ro Backman, Del. en *Helsinborg*, ne sendis protokolon (2a cito).

28. S-ro Hulten, Del. en *Malmœo*. Plendo pro nerespondo al leteroj; ne respondis Bultenojn (2a cito).

29. S-ro Kastl, Del. en *Fiume*. Nerespondo al informpeto; nesendo de raporto (1a cito).

30. S-ro Chevrot, Del. en *Bourg*. Nerespondo al informpeto (1a cito).

*Eksigoj.*

6. S-ro Monkowski, Del. en *Czenstochowa*, ne respondinte oficialajn leterojn kaj avertilojn, ne sendinte respondilon, estas konforme al § 19 forstrekita el la listo de niaj Del.

17. S-ro Laffaille, Del. en *Bagnères-de-Bigorre*, ne respondinte oficialajn leterojn kaj avertilojn, estas, konforme al § 19, forstrekita el la listo de niaj Del.

**Etato de la membroj**

Je la 1a de majo la etato de la membroj de U. E. A. estis jena :

| | |
|---|---|
| Sumo je la 15a de marto | 5.922 |
| Novaj membroj (de 15 Marto ĝis 1 Majo) | 1.053 |
| Sumo de la membroj je la 1a de Majo | 6.975 |

Regula kreskado de la membraro :

| | |
|---|---|
| Januaro | 5.462 |
| Februaro | 5.649 |
| Marto | 5.922 |
| Aprilo | 6.553 |
| Majo | 6.965 |

En la No de 5 aprilo ni skribis : « Nun rapide antaŭen al la sepa milo ! ». Ni ne kredis, ke tiun ciferon ni tiel rapide atingos. Ni nun senhezite diras : « Rapide antaŭen al la *oka* milo ! »

### FINANCA FAKO

*Bilanco de U. E. A. je la 1a de majo 1910*

| *Al la Centra Kaso U. E. A.* | | *Ŝuldas* |
|---|---|---|
| Lupago | Sm. | 8 40 |
| Oficejaj elspezoj, korespondado, materialo | | 75 04 |
| Salajroj | | 78 |
| Presaĵoj (cirkuleroj, gvidfolioj k. c.) | | 40 44 |
| Papero, kovertoj | | 101 20 |
| Germanaj propagandaj broŝuroj | | 14 42 |
| Plua pago por insignoj | | 1 20 |
| Sumo | | 318 70 |

| *De la Centra Kaso U. E. A.* | *Havas* |
|---|---|
| Kotizaĵoj | 116 08 |
| Esperantiaj entreprenoj | 31 |
| Gvidfolioj | 77 |
| Donacoj | 6 64 |
| Librejo : venditaĵoj | 88 51 |
| Diversaĵoj (poŝtmarkoj neankoraŭ pagitaj k. c.) | 23 58 |
| Sumo | 342 81 |
| | 318 70 |
| Profito dum aprilo | 24 11 |
| Kredita saldo la 1an de aprilo | 1.571 62 |
| Kredita saldo la 1an de majo | 1.595 73 |

*La Financa Fakestro,*
Th. Rousseau.

### JUNULA FAKO

*Servoj de la junula fako.*

La Delegitoj kaj speciale konsuloj por junuloj estas petataj diskonigi la ĉi subajn petojn al la Esperantianoj de sia regiono kaj afiŝigi ilin ĉe la Esperanto-Oficejo.

*Mallongigoj*

Adr. : adreso. Al. : dez. veturi al. T. : tempo. O. : okupo. K. : kondiĉoj. R. : Rimarkoj.

*Junuloj, dezirantaj forveturi eksterlanden.*

32. S-ro S. Witteck, 17-jara, kaj B. Reron, 19-jara; adr. : *Podgorze* (Galicio). Al. : German- aŭ Svisujo; T. 20/7 ĝis 15/9. O. : Konvena okupo, eble komerca.

33. S-ro S. Suknarorski, 18-jara; adr. *Wadovice* (Galicio). Al. : Svisujo, Tirolo; T. 1/7 ĝis 30/8. O. : por skriba okupo.

34. S-ro B. Reron, 19-jara; adr. : *Krakow* (Galicio). Al. : German-aŭ Svisujo. T. : 16/7 ĝis 30/8; O. : Kampara aŭ arbara laboro.

35-36. S-ro A. Patosz, kaj T. Hatatek. Adr. : *Krakow* (Galicio). Al. : ien ajn; T. : 1/7 ĝis 30/8; O. : kontora laboro.

37. S-ro A. Pedracki, jur. stud. Adr. : *Gorlice* (Galicio). Al. : Ital- aŭ Francujon. T. de majo por tuta jaro. O. : instruo de pola lingvo.

38. S-ro S. Kus, 17 jara; adr. : *Bochina* (Galicio). Al. : ien ajn. T. : 1/7 ĝis 30/8. O. : poŝta kaj telegr. manipulado.

39. S-ro T. Aschenbrenner, 17 jara; adr. : *Bierzanow* (Galicio). Al. : Angl. Franc. aŭ Germanujon. T. : de 1/7 ĝis 30/8. O. : skriba aŭ facila laboro.

40. S-ro K. Flakowiez, 22 jara; adr. : *Krakow* (Galicio). AP. : por lerni germanan. T. : 1/7 ĝis 30/8. O. : por ia ajn okupo.

Por ĉiuj supraj nomoj, la kondiĉoj estas vojaĝelspezoj pagitaj kaj nutrado interŝanĝe de la laboro farota. Por ĉiuj, sin turni al S-ro Rudnicki, Kopernikst, 17. *Krakow* (Galicio).

41. S-ro W. de Lerber, stud. de klasika filologio. Adr. : Grancy 29, *Lausanne* (Svisu.) Al. : ien ajn (prefere Brit- aŭ Germanujon). T. : 1/7 ĝis 31/10. O. : Guvernisto kaj lingvinstruisto. K. : Konvena salajro aŭ almenaŭ vojaĝelspezoj kaj poŝmono. R. : parol. france, Esp., germane, angle; jam estis guvernisto.

42. S-ro J. Ventura, 22-jara, scienclaboranto. Adr. : Roteros 10, *Valencia* (Hispan.) Al. : iun ajn urbon francan,, proks. Hispan. T. : 1/6 ĝis 30/9. O. : ia ajn, precipe instrui hispanlingvon kaj matematikojn. K. : Vojaĝelspezoj kaj konvena salajro.

*Interŝanĝoj de Infanoj*

43. S-ro Sinty, vilaĝano. *Adr.* : Witor, p. Chocholow (Galicio). *Dez.* : Knabon 19-jaran. *Send.* : Gimnazianon 19-jaran. *L.* : Francujo aŭ Rusuja Polujo. T. : 15/7-31/8. *R.* : En Tatra montoj, ekskursoj.

*Personoj, akceptantaj eksterlandaj infanojn*

44. S-ro Cerchova, lernejestrino. *Adr.* : Dtugastr. 37, Krakov (Galicio). *Dez.* 2 knabinojn 15-17 jarajn. *L.* : Saksujo. T. : 15/6-31/8. *O.* : konversacio kun knabinoj 6-10, resp. 10-14 jaraj. *K.* : Ĉiujn vivrimedojn, event. duonon de vojaĝelspezoj.

*Junuloj dezirantaj korespondi.*

45 Bejalev; 46 Korablinov; 47 Ŝopiro; 48 Velejev; 49 Ŝtokman; 50 Kojikin. *Adr.* : 1a Vira gimnazio, *Voronej* (Rusujo).

# 1a Kongreso de U. E. A.

**La Festoj.**

Jen la listo de la diversaj festoj kaj amuzaĵoj aranĝotaj dum la Augsburga kongreso:

*Merkredo 27.* vespere (dum kongreso de G. E. A.) : ĝardena festo kun koncerto en Schliessgraben; iluminado.

*Jaŭdo 28.* vespere : Festeno de U. E. A.; amuzaĵoj en hotelo 3. Mohren.

*Vendredo 29.* vespere : Veturado al « Hochablass » el Augsburg per aparta vagonaro (kongresanoj senpage). Koncerto kun iluminado kaj arta fajraĵo.

*Sabato 30.* ptmeze : Vizito de l'urbo.

*Dimanĉo 31.* Ekskurso al la reĝaj kasteloj de Neuschwanstein.

*Lundi 1.* vespere : Cabaret (Varieteo) kun balo.

*Mardo 2.* Ĝardena festo en la urba ĝardeno kun koncerto kaj iluminado.

**Tagordo.**

La listo de la traktotaĵoj dum la kongreso aperos en la venonta No de *Esperanto*. Laŭ la Kongresa Regularo, la proponoj de la Esperantianoj kiuj ne estos ricevitaj antaŭ de la 1a de Junio ne estos esplorataj de la kongreso.

La laboro de la kunvenoj estos aranĝata kiel sekvas : ĉiu kunveno estos dediĉata al speciala fako. Ĝi estos komencata per la raporto de la komitatano de la koncernata fako pri la laboro farita de lia fako kaj la estonta agado. Tiuj raportoj estos submetataj al la aprobo de la kongreso. Poste sekvos la proponoj, unue de la Komitato, due de la Esperantianoj. Tiuj proponoj, rilatantaj al la servaro aŭ administrado de U. E. A., estos diskutataj kaj solvataj konforme al la Kongresa Regularo per deziresprimo, laŭ kiu la kongreso ĉu akceptos aŭ neakceptos la principon de ia propono, ĉu resendos ĝin al la Komitato aŭ al la venonta kongreso por plua studo.

Krom demandoj interesantaj U. E. A., sufiĉe multaj kaj diversaj, estos ankaŭ kelkaj komunikaĵoj pri temoj koncernantaj la plifaciligon de la internaciaj rilatoj (ekz. poŝta tarifo, reformo de l'kalendaro, Monoformato, k. t. p.). Pri tiuj temoj la kongreso rajtas voĉdoni deziresprimon, kiu poste estos publikigata en la naciaj gazetoj kaj sendata al la interesatoj. Kelkaj tiaj komunikaĵoj estas promesitaj.

**Aliĝoj.**

Ni petas, ke oni bonvolu rapidigi la alsendon de sia aliĝilo por plifaciligi nian laboron. Aliĝilo estas sur la 3a paĝo de nia gazeto. La mendoj, kiuj ne estos akompanotaj de la responda monsumo, ne estos plenumataj.

**Vojaĝoj.**

En proksima No aperos tabelo de la plej oportunaj horoj por veturi el la ĉefaj grandaj urboj Augsburgon. La kongresanoj, kiuj dezirus veturi kune, renkontiĝos je la difinitaj horoj kaj tagoj. Ĉe la halturboj la turisma fako zorgos, ke ili ricevu la necesan helpon de la Delegitoj kaj turismaj konsuloj.

Gvidlibreto pri Augsburg kaj Bavarujo estas en preparado; ĝi estas donata en Augsburg mem samtempe kun la kongresdokumentoj.

## Esperantiaj Informoj

**Bruselo.** — Tuj post la Kongreso de la Internaciaj Asocioj S-ro H. Hodler faris ĉe la Festhalo de l'Ekspozicio sukcesan franclingvan paroladon pri U. E. A., ĝia kompreno de internaciismo kaj ĝiaj servoj. Parto de tiu parolado aperis en nia lasta no. La lokaj gazetoj favore raportis pri ĝi.

**Firenze.** — Karavano de Bulgaroj, inter kiuj estis kelkaj Bulgaraj Esp.-ianoj, trapasis Firenzon kaj estis kore akceptita de la Del. kaj liaj helpantoj. En diversaj urboj la karavano uzis la servojn de U. E. A.

**Innsbruck.** — Universitata gvidfolio estas en presado. Imitinda ekzemplo.

**Munheno.** — Estis eldonita bela Esp. prospekto pri la Munhenaj kaj Oberammergaŭaj festoj, disdonata al niaj Del.-Esp-of. fondiĝis.

**Paris.** — La 14 aprilo, S-ro H. Hodler faris antaŭ 70 Esp.-ianoj paroladon pri U. E. A. kaj ĝia nuna utileco. S-ro Privat resumis france tiun paroladon, atentigante pri la signifo de nia Asocio ankaŭ el la lingva vidpunkto. — Gvidfolio estas en preparado.

**Saint-Etienne.** — La grava gazeto « Le Chasseur Français » publikigata je 150.000 ekz. aperigis en sia Maja no bonegan artikolon pri nia Asocio, verkitan de nia Vicdel. S-ro Peyraud.

∴ Okaze de la III-a Kongreso de la Esp.-Rodana Federacio, la 19 junio, kunvenos en Saint-Etienne la Delegitoj de la distrikto sudorienta Francujo. La kunveno okazos dimanĉon je 9 h. rue de la Bourse, 1. Ĉiuj Del. estas kore petataj ĉeesti je tiu kunveno, kiu certe utilos por plimultigi la rilatojn inter ili.

## ESPERANTIA VIVO

*Naskiĝoj.*

S-ro Lusilla, filo de S-ro F. Lusilla, Del. Gerona.

*Fianĉiĝoj.*

Oni anoncas la fianĉiĝon de S-ro Parotte, Del. Verviers, kun F-ino Dumortier. Esp-ianino Verviers.

*Edziĝoj.*

S-ro G. Nallet, Del. Villefranche-s-S., kun F-ino H. Barbaroux, Esp.-iano. — S-ro E. Baes, Subdel. Saint-Gilles, kun F-ino Blanche Guillier. — S-ro juĝisto Sokol kun F-ino J. Malerova, Esp.-ianino, Roznov.

*Mortoj.*

Ni kun ĉagreno eksciis pri la morto de la patrino de nia sindonema komitatano S-ro J. Schmid, Del. en Berno. Ni sendas al nia samideano la esprimon de nia profunda simpatio. — F-ino Mario Oliva, Esp.-iano en S. Feliu de Guixols.

*Libertempoj.*

S-ro P. Bünemann, Del. Patras, libertempas en Norda Sicilio, Napolo, Brindisi, Corfu.

* *

*GRAVA AVIZO*

Ĉiuj Esperantianoj estas petataj informi nin pri la loko de sia somera libertempo.



## Esperantianoj !

**Ĉiam memoru ke, kiam vi petas servon de Delegito de U. E. A. vi devas skribi sur internacia respond-poŝtkarto aŭ sendi markon aŭ kuponon por la respondo.**



# Sesa Kongreso de Esperanto

**PROGRAMO**

Solena malfermo de S-ro Fred. Pujula, prezidinto de la kvina Saluta parolado de D-ro Zamenhof, kaj salutoj al la kongresanoj de la registaraj delegitoj kaj naciaj delegitoj.

Dum la semajno, ĉiutagaj ĝeneralaj kunsidoj, kunsidoj de Scienca Asocio, U. E. A., Lingva Komitato, kaj juristoj, kuracistoj, teozofoj, apotekistoj, vegetaranoj, publikoficistoj, fervojistoj, k. t. p.), disdonado de premioj al la gajnintoj en la Literaturo Konkurso; propaganda kunveno, k. t. p.

Inter la amuzaĵoj neformala akceptado, koncerto de la Washington Kolegio de Muziko, vesperprogramo de muziko, k. t. p., de Esp.-istoj, paroladoj, league baseball, baseball game, internacia balo, k. t. p.

Vizitoj estos aranĝataj al la Kongresbiblioteko, la « Blanka Domo », nacia Kapitolo, Trezorejo, Ŝtata, Milita kaj Marmilita Konstruaĵoj, Muzeo, Smithsonian'a Instituto, k. t. p. Oni ankaŭ faros ekskursojn per boatoj, tramvojoj, k. t. p. al Mount Vernon, Kaskadoj de la Potomako, Chesapeake Beach, Marshall Hall (en lunluma riverekskurso), Arlington Nacia Tombejo, Rock Creek parko, Zoologia parko, k. t. p.

**Loĝado**

La Organiza Komitato volonte faros aranĝojn por la kongresanoj pri loĝado, k. t. p. Ĉe la hotelo « Arlington », trans parko Lafayette kaj tre proksime de la « Blanka Domo », troviĝos la akceptejo, k. t. p.; en ĝiaj grandaj haloj okazos kelkaj kunsidoj. En ĉi tiu hotelo la specialaj prezoj estos la jenaj.

Loĝado sen manĝado 2-4 Sm. por tago por unupersona ĉambro. Loĝado kun manĝado : 6 Sm. por 1 persono en 1 ĉambro; 10 Sm., por 2 personoj en 1 ĉambro. Kelkaj aliaj hoteloj donos pli malkaran prezon, sed ili ne estas tiel proksimaj de la kongresejo. Sed la komitato povas aranĝi loĝadon kaj manĝadon en bona hotelo po 4 Sm. tage. Aldone, la komitato ankaŭ aranĝas loĝadon kaj manĝadon en loĝejoj, pensionoj, k. t. p. Estos multaj ĉambroj, bonaj kaj puraj, en sufiĉe bonaj lokoj, po 8 Sm., semajne, kaj ankaŭ unu aŭ kelkajn manĝejojn po 10 Sm. semajne. Kompreneble oni povas loĝi ĉe la « Arlington », aŭ alia hotelo, kaj manĝi aliloke.

Skribu al la komitato se vi volas antaŭaranĝojn pri loĝado, kaj skribu klare kaj plene kion vi volas. La komitato penos plenumi viajn volojn. Adresu al la Sekretario, S-ro Edwin C, Reed, Chamber of Commerce, Washington. D. C. Usono.

*Kartoj, Poŝkartoj, Kongresmarkoj*

La kongreskartoj, kiu, enlasos la posedanton en ĉiun oficialan kunsidon kaj feston de la *Sesa*, estas nun aĉeteblaj de la Sekretario, en Washington, kaj ankaŭ ĉe la Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris. La prezo de ĉi tiuj kartoj estas 10 Sm. el kiu la duono estos redonata al ĉiu, kiu venos el alia kontinento al Norda Ameriko. La belaj kongresmarkoj estas nun aĉeteblaj po dudek 50 Sd po 100. La serio de 15 Esp. poŝkartoj, de Washington'aj vidindaĵoj, po 50 Sd.

**Instrukcio pri la vojaĝo de la Eŭropaj Kongresanoj**

A. — *Rabato sur la francaj fervojoj*

La francaj fervojaj kompanioj konsentis rabaton da 50 0/0 el la prezo de la vojaĝo por iri al la enŝipiĝa haveno. Tiu rabato taŭgos de 25 julio ĝis 10, septembro. Ĝi povos esti uzata, kondiĉe ke la reiro okazu per la sama vojo kiel la iro. Generale, oni ne povas halti dum la vojaĝo escepte la le lokoj, kie okazas ŝanĝo de kompanio.

Por uzi tiun rabaton ĉiu kongresano devos resendi, almenaŭ unu semajnon antaŭ la fiksita dato por la komenco de lavojaĝo, mendilon, al la montrita adreso. Li rice vos interŝanĝe tiom da rabatfolioj, kiom de francaj kompanioj, kies fervojojn, li devos uzi. Per ĉiu rabatbileto, li devos aĉeti apartan bileton.

B. — *Marveturaj kompanioj*

Oni trovos ĉi-sube tabelon de la prezoj de la diversaj kompanioj esceptante eventualajn postajn ŝanĝojn.

Por ricevi ŝiplokojn, laŭ la specialaj kondiĉoj montritaj, oni devas senpere interrilatiĝi kun *S-ro Junot, 5, rue de Rome. Paris,* kiu donos al la interesatoj ĉiuj informoj. *Urĝe* estas fari la necesajn klopodojn *de nun*, por ke oni estu certa ke restos sur la ŝipoj disponeblaj lokoj.

| Enŝipiĝaj havenoj por New-York | Datoj de la foriroj | Minimumaj prezoj de la lokoj en la ĉambretoj | | Kompanioj |
|---|---|---|---|---|
| Le Hâvre | Sabato | $ 178 » | 123 60 | Transatlantique |
| Cherbourg | Merkredo | 177 80 | 114 » | Nordeutscher Lloyd |
| | Sabato | 184 80 | 96 » | American line |
| | 29 julio-5 aug. | 176 40 | 106 » | Hambourg Amerika |
| Boulogne | Sabato | 176 40 | 150 » | Hollandaise |
| Marseille | 30 julio | 160 » | | Cyp. Fabre kaj K-o |
| Napoli | Sabato (1) | | 130 » | Navigation Italienne |
| | 14 aŭg. | 160 » | | Cyp. Fabre kaj K-o |
| Anvers | Sabato | 162 » | 103 20 | Red Star Line |
| Liverpool | Sabato | 166 » | 96 » | Cunard Line |
| | Merkredo | 166 » | 90 » | White Star Line |

Ekzistas aliaj rektaj iradoj al Quebec, Montréal, Boston, Philadelphia. Por detalaj informoj, sin turni al S-ro Junot, 5, rue de Rome, Paris. Neniu ŝiploko estos rezervita, sen antaŭa pago de minimuma sumo da 24 Sm. por ĉiu persono.

C. — *Amerikaj fervojoj*

La Loka Komitato de Washington klopodas por havigi al la kongresanoj rabaton el la prezo de la vojaĝo de la elŝipiĝa haveno ĝis Washington. La rezultatoj de tiuj klopodoj estos publikigataj ĝustatempe.

D. — *Kolektivaj Vojaĝoj*

La firmo « Voyages Pratiques » organizas kolektivajn vojaĝojn laŭ la jenaj vojiroj.

*1-a vojiro*

de la elektita haveno por la foriro de Eŭropo ĝis New-York, Philadelphie, Washington, reiro en Eŭropon.

*Programo tra Le Hâvre*

Sabato 6 Aŭg. Grupiĝo en Le Hâvre, sur la ŝipo de la Kompanio « Transatlantique » (tre verŝajne « La Provence », unu el la plej belaj ŝipoj de tiu linio). Sabato 13. Alveno en New-York. — Dimanĉo 14. Alveno en Washington. — Lundo 15. For. mat. por Washington. — De dimanĉo 14 ĝis sabato 20. Restado en Washington por la Kongreso. — Dimanĉo 21. For. mat. por Philadelphie. Alveno. Vizito de la urbo. kaj de la fama fabrikejo « Baldwing kaj K-o ». — Lundo 22. Vizito de New-York en « ĉar-observation ». — Mardo 23. P. E. M. Enŝipiĝo. Foriro. — Mardo 30. Proksimuma dato de alveno en Boulogne-sur-Mer. Fino de la vojaĝo. — Minimumaj prezoj : 1a klaso tra Le Hâvre 580 Sm.; tra Boulogne 560. Meza klaso (1) tra Le Havre 398, tra Boulogne 390, laŭ la ĉambreto, kaj kun ĉiuj elspezoj montritaj aliloke.

*2-a vojiro*

Calais, Liverpool aŭ Le Hâvre, Québec, Montréal, La Saint-Laurent, Lago Ontario, Akvofaloj de Niagara, Albany, Hudson, New-York, Washington, Philadelphie, New-York, Boulogne.

*Programo tra Calais-Liverpool*

Vendredo 29 julio. Grupiĝo en Calais kaj foriro por Liverpool. — Sabato 30. Enŝipiĝo. — Dimanĉo 7 aŭgusto. Alveno en Kanada tra Saint-Laurent. — Lundo 8. Restado en Québec. — Mardo 9. De Québec ĝis Montréal. Vizito de Montréal. — Merkredo 10. Ekskurso sur la Saint-Laurent en Laschine. For. vesp. por Toronto per la linio kiu bordiras la Saint-Laurent. — Jaŭdo 11. Alveno mat. al Toronto. Trairo de la lago Ontario. Alveno en Nicaragua por tagmanĝi kaj vizito de la akvofaloj. — Vendredo 12. Ptm. foriro por Albany. — Sabato 13. Ŝipveturado sur Hudson, sur la belegaj ŝipoj de la « Day Line ». Alveno en New-York. — Dimanĉon 14. Alveno en Washington. — De lundo 14 ĝis sabato 20 restado en Washington por la Kongreso. — Dimanĉo 21. For. mat. por Philadelphia vizito de la urbo. Vespere, foriro por New-York. — Lundo 22. Vizito de New-York en « car-observation ». — Mardo 23. Enŝipiĝo por la reiro. — Merkredo 30. Proksimuma dato de la alveno en Boulogne. — Prezo de la vojaĝo, entenanta ĉiujn elspezojn montritajn aliloke tra Le Hâvre, unika klaso 540 Sm.; tra Calais kaj Liverpool 1a klaso 730 Sm.; meza klaso 556 Sm. — La personoj, kiuj dezirus reiri per ŝipo de la Compagnie générale transatlantique forirus de New-York la jaŭdon 25.

(1) La meza klaso konsistas el unua klaso sur la fervojoj kaj ŝipoj en Ameriko kaj dua klaso por la tramaraj veturadoj.

*3a Vojiro*

Kiu ebligas ankaŭ la Eŭkaristikan Kongreson de Montréal.

De la elektita haveno por la foriro ĝis New-York, Washington, Pittsbourg, l'Hudson, Albany, Niagara, Lago Ontaris, la rapidaj fluoj kaj Mil-insuloj de la Saint-Laurent, Montréal, Québec, Reiro en Francujon.

*Programo tra Le Hâvre*

Sabato 6 Aŭgusto. Grupiĝo en Le Hâvre, sur la ŝipo de Kompanio « Transatlantique ». — Sabato 13. Alveno en New-York. — Dimanĉo 14. Alveno en Washington de la dimanĉo 14 ĝis sabato 20. Restado en Washington por la Kongreso de Esperanto. — Dimanĉo 21. For. por Pittsbourg. — Lundo 22. Vizito de Pittsbourg. — Mardo 23. Form. al New-York. — Merkredo 24. Enŝipiĝo en New-York por trairi sur Hudson. Alveno esp. en Albany. — Jaŭdo 25. De Albany ĝis Niagara. — Sabato 27. For por Toronto. Trairo de la lago Ontario. — Dimanĉo 28. Ŝipveturado sur la Saint-Laurent. Vido de la rapidaj fluoj kaj de la Mil-insuloj. — Lundo 29. Vizito de Montréal. — Mardo 30. Ptm. Fo. por Québec. — Jaŭdo 1a septembro. Enŝipiĝo por la reveno en Eŭropon. — Jaŭdon 11. Proksimuma dato de la alveno en Eŭropo. — Prezo minimuma 1a klaso 760 Sm. Meza klaso 573 Sm.

Aliaj vojiroj, kun vizito de Yellowstone Park de la Civito de la « Mormonoj » de la Rokaj Montoj kaj de Kalifornio estas ankaŭ studataj. Oni eĉ povas studi vojaĝon ĝis Japanujo, por tiel ebligi vojaĝon ĉirkaŭ la mondo. La programoj pri tiuj ekskursoj estos komunikataj al ĉiu persono, kiu tion petos de la firmo Junot, *Voyages Pratiques*, 5, rue de Rome, Paris.

La prezoj supre montritaj enhavas ĉiujn elspezojn. nome : 1-Marveturado, iro kaj reiro; 2-la veturo en vagonaroj kaj ŝipoj, 1a klaso; 3-la manĝoj dum la vojiroj; 4-la transportoj de la stacidomoj ĝis la hoteloj; 5-la restado en la hoteloj, loĝado, servado, lumo kaj tri manĝoj ĉiutage; 6-la vizito de la urboj, laŭ konduko de gvidistoj-interpretistoj; 7-la trinkmonoj al hotelistoj kaj veturigistoj; 8-la prizorgoj de la firmo *Voyages Pratiques* kies unu agento akompanos la ekskursantojn; 9-Ordinara senpageco de la pakaĵoj sur la vagonaroj kaj ŝipoj.

Ĉio konforme je la programo, konforme je la regularo de la vizitataj landoj kaj de la uzataj kompanioj, kaj de tiuj, presitaj, de la ekskursaj biletoj donitaj antaŭ la foriro. Ĉiu konservas la taskon prizorgi pri siaj pakaĵoj. La prezo de la trinkaĵoj neniam estas entenata.

La montritaj kolektivaj vojaĝoj okazos nur se la partoprenontoj estos minimume 14.

